# VEGETARANO

ETIKO - HIGIENO - EKONOMIO

*Organo de TEVA (Tutmonda Esperanta Vegetara Asocio)*

Eldonanto kaj
provizora redaktoro:
Bebel Sørensen,
Gammelgårdsvej 31,
Farum, Danlando.

Redakcia sekretario:
A. ANDRIEU,
à Salusses,
par Montsalès
(Aveyron) Francio.

Sekretario de
T. E. V. A.:
N. B. Hawkin,
Jerusalem, P. K. 804
Izraelio.

Kunlaboras:
Naturisma Frakcio
de Sennacieca Asocio
Tutmonda (S. A. T.)
Sekretario:
J. S. Rooke,
Groenloseweg 57,
Winterswijk,
Nederlando.

JARO XXI nr. 2
Somero 1956



La celo de T. E. V. A.
estas:
En la tuta mondo
krei kontakton
inter ge-E. V.-anoj,
kiuj estos pioniroj de
la estonta etika
civilizacio.

Pri la enhavo
de la diversaj artikoloj
respondecas
la verkintoj mem.



*Prezo:*

*2 internaciaj*

*respondkuponoj*

Ni, kiu dum la kongresa semajno, havas

la adreson: Nørrevold 23,

povas en la daŭro de unu minuto iri

ĉirkaŭ la S T R A T - A N G U L O

al

Depoto de nekuirita manĝo

kie oni vendas:

POMOJN - BER-FRUKTOJN

KUKUMOJN - TOMATOJN

kaj diversajn novajn

Biologie kulturitajn

L E G O M O J N

Memoru la adreson

RÅKOSTDEPOTET

Gothersgade 129, Kopenhago K.

Pri la nepresita "Vegetarano".

Prezentante ĉi tiun numeron de "Vegetarano" ni sincere konfesos, ke ĝia aspekto ne estas tiel, kiel ni intencis. Permesu al mi doni necesan klarigon:

La deziro elsendi presitan revuon konkretiĝis en tia grado, ke ni povis komenci intertraktadon kun la libro-presisto koncerne la preskoston. Sed post venko de tiu ĉi sufiĉe grava problemo estiĝis alia malfacilaĵo, nome: La presejo bezonis mindi novajn matricojn por la kompost-maŝino. Telefoninte al grafika entrepreno ni eksciis, ke daŭrus 8 semajnojn anTaŭ ol la presejo kapablus ricevi la menditajn matricojn. Estis nia intenco prezenti tute presitan revuon ĉe la du diversaj Esp-kongresoj, sed pro manko de la supremomitaj matricoj ni devis esti kontentaj kun stencilita revuo, kies kovrilo tamen estas presita.

Pri la nun atingita rezultato ni neniel estas kontentaj - kaj ni rapidas informi, ke la venonta numero aperos en presita formato kaj kun moderna tipografia aranĝo (do ĝi tute ne similos la hodiaŭan numeron.

-----------

Tre bone ni scias, ke vegetarismo - por multe da homoj - aspektas kiel fremda tute nekonata mondo, sed la vera kialo je tia nescio sendube estas, ke ili nur maldetale konas la internan ideon de vegetarismo. Tial estos nia grava tasko rakonti niajn legantojn pri la vegetarisma ideo, ĝia efiko kaj utilo por la saneco.

Komprenreble la TEVA-anoj konas kaj obeas la fundamentajn principojn de nia afero - sed inter niaj estimataj legantoj ambaŭsekse troviĝas ankaŭ "Viandanoj", kies opinioj kontraŭas niajn konkludojn pri sana vivmaniero. Ne certas, ke la enhavo de nia revuo plaĉos al vi - kaj sendube vi dezirus kapti vian fontoplumon aŭ alian skribilon por esprimi vian propran opinion. Bonvenon al tia verkemo, ĉar ju pli varianta enhavo, des pli leginda por la legentaro.

Krom vegetarismon nia revuo pritraktos ankaŭ etikon kaj ekonomion, ĉar ĉi tiuj gravaj problemoj kvazaŭ similus al necesaj dent-radoj en iu pli granda komplikita maŝino.

-----------

Eldonado de presita revuo neniel estas senpaga afero, ĉar ankaŭ ĉi tie la ekonomio ludas rolon, kiun oni ne neglektu.

Ni kuraĝas supozi, ke inter niaj legantoj troviĝas bonvolecaj homoj, kiuj montros sian simpation al nia asocio pere de monhelpo. Ĉiun kontribuaĵon ni sincere bonvenigas - kaj ĝin vi povas sendi al: S-ino Betty Larsen, Gl. Strandvej 288, Humlebaek,Danlando.

Anticipe dankon pro via eventuala donaco.

---------

Laŭ peto mi provizore staras kiel eldonanto de VEGETARANO - kaj ĝis s-ro A.Andriu finiĝos je sia soldata servo, tiam mi pretas esti provizora redaktoro. Por eviti miskomprenon mi aldonu: Pri la enhavo de la artikoloj en VEGETARANO respondecas la verkintoj mem. Nun ni klopodas por krei la venontan numeron en tia vestaĵo, kia povus kontentigu ĉiujn.

Se vi havos aŭ kapablos havigi kliŝojn, kiuj taŭgos por enpresigi en nia revuo, tiam bonvolu sendi ilin al ĉisuba adreso:

Bebel Sørensen, Gammelgaardsvej 31,Farum,Danlando.

## ENKONDUKO AL LA RENOVIGITA PRESOTA "VEGETARANO"

Post forsendo de la 3-a stencilita "Vegetarano" 1956 sub red. de inĝ. A.Andriu,mi ricevis de li jenan informon: En la armeo, la 18-an de majo 1956

Kara amiko Ĥavkin. Post kelkaj semajnoj da vagado mi estas instalita en Alĝerio. Mi ĵus hodiaŭ eksciis,ke alvenis ĉe mi pakaĵo kun la aferoj de "Vegetarano"... Certe troviĝos iu en la mondo (s-ro Sørensen aŭ alie) por eldoni ĝin, almenaŭ provizore tiel longe, kiel mi restos en la armeo. Pro la nunaj eventoj verŝajne mi devos militservi dum ankoraŭ eble unu kaj duono jaro

Mi ne estas en danĝera situacio. Mi bonfartas kaj deziras, ke vi ĝuu la samon. Via A.Andriu,
a Salusses, par Montsales (Aveyron) Francio.



Mi respondis al inĝ.Andriu i.a. ke ne gravas se la apero de la presota revuo prokrastiĝos pro lia militservo,ke mi ricevis de s-ano Sørensen tre konvenan kalkuladon por presigi la revuon,ke de s-ino Betty Larsen el Danio skribis al mi 25/5,ke ŝi deziras prezenti la presotan revuon al la esperantaj kongresoj okazontaj ĉi jare en Kopenhago kaj aliaj urboj.Pri tio mi skribis, ke la cirkonstancoj ne ebligas plenumon de t.deziro.

Nun mi ricevis aerogramon de s-ino Larsen de 5/6 ke ŝi ricevinte mian informon de 30/5 interparolis pri la afero telefone kun s-ano Sørensen,mendis ĉe li la presotan "Vegetarano" kaj petas min sendi al li ĉiujn artikolojn por la revuo kaj peti la patron de Andriu,ke li sendu al -s-ro Sørensen ĉiujn poŝtaĵojn,kiujn mi sendis al li por lia filo.

Mi kompreneble tuj faris tion kaj tre ĝojis,ke la de mi en la lasta "Vegetarano" esprimata certeco pri la venonta aperado de la presota revuo efektiviĝos pli frue ol mi antaŭe konjektis. Sendube nia kara red.Andriu ĝojos pri tio kaj certe helpos al s-ro Sørensen per korektado de la al li sendotaj presprovoj kaj eble ankaŭ per alsendo de valoraj kontribuoj.

DONU DIO ke nia revuo disvastiĝu en la tuta mondo ankaŭ enpenetru en nevegetarajn rondojn kaj kontribuu al la de ni sopiranta, venonta etika civilizo.

N.B. Ĥavkin

Jen artikoloj senditaj samtempe al s-ano Sørensen: 1)M.Schwantje; "Ĉu la homo rajtas manĝi viandon?" kun la aldono de Rene Amable.2) Carlos Belzer: "Al la simpatiuloj de vegetarismo" 3)Betty Larsen: "La kulturitaj plantoj" 4) Etzold: "Poemo kun notoj" 5)A.Andriu: "Kiel nutri kreskantan homaron?" 6) Recenzoj de Andriu. Ĉe la patro de Andriu troviĝas krom interesaj leteroj de vegetaranoj ankaŭ artikolo "Budismo kaj vegetarismo" de Mac-Gill. Mi intencas sendi artikolon: "Malfermita letero al D-ro Ivo Lapenna" . La revuo aperu kun surskribo: "SOMERO 1956". Se la financa stato ebligos aperadon kvaronjare, la revuo aperos aŭtuno,printempo kaj c. Se eblos presado duonjare, la revuo aperos nur somero kaj vintro kaj la prezo estos por unuopa numero.

## KIEL NUTRI KRESKANTAN HOMARON?

La supraĵo de nia planedo estas nun loĝata de c.du miliardoj da homoj,kaj ĉiujare kreskas je c. dudek kvin milionoj. Multaj homoj ne plu ricevas sufiĉan nutraĵon; meznombre ĉiu disponas je kvarona hektaro de tero kaj necesas unu hektaro (almenaŭ per la nunaj metodoj).

De longe ekzistas klasikaj proponoj por solvi tiun sufokan problemon.Laŭ la maltuzanistoj oni devus rekte limigi la naskojn,per la plej diversaj metodoj: propagando,leĝoj ktp....Tia solvo tre riskas atenci la liberon de la individuoj.Aliaj opinias ke dank al la progreso de la tekniko oni povas anstataŭi la terkulturon per pli efikaj fabrikadoj; kelkaj kemistoj kredas tiun teknikon kapabla post malmultaj jaroj fabriki tute artajn nutraĵojn. Ankaŭ tio ŝajnas al mi tute neeble; ne baldaŭ la homoj sintezos ĉiujn kombinaciojn de la plantoj necesajn al ilia nutrado.Jam ĉiuj naturistoj konscias pri la danĝero de la teknika interveno en la naturajn produktojn.

Antaŭ tia problemo min tre ŝatis la analizon de M. Remy,en lia franclingva verko "Ni Bruligas la Grundon". Laŭ li la nuna disekvilibro inter la naskoj kaj la produktado devenas de kontraŭnatura ekspluatado de la grundo.Ĉi tie mi povas prezenti tiun tamen nur grandtrajte; necesas legi la libron (grandformata, 2oo-paĝa por plene kompreni.

Ekzistas pluraj faktoroj kiuj troigas la naskopovon de la homaro.Malbone nutrata grupo spontane reagas per multnombraj naskoj kiuj abunde kompensas la perdojn pr la malsatmorto. La dieto tro riĉa je kreskigaj nutraĵoj (proteinoj) rilate al la energiaj (grasoj kaj sukeroj)kaj katalizaj (saloj kaj vitamenoj), same tro kreskigas la kolektivon (naskopovo) kiel la individuon (staturo). Nu la kontraŭnatura terkulturo liveras produktojn tro kreskigajn tiel elektitaj de la kulturistoj, ĉar mem kreskante pli rapide, ili donas pli da profito. La saman efikon havas la manko de oksigeno en la aero,pro fabrikoj kaj la senarbarigo,kaj ankaŭ la radikoj,ĉu artefaritaj pro uzo de la atom-energio, ĉu naturaj sed mem pli danĝeraj pro la nova korenito de la supraĵa grundo kaj de la korpo. La vianda kon-



sumado alportas tiom da proteinaĵo, kaj ankaŭ estas ekscitiga per sia tokseio. Same efikas sur la naskopovo per ekscitado la uzado de la drogoj kiel kafo,tabako k. a.,kaj la nervoziga vivo en la urboj,akcentanta la organismajn ritmojn. Laŭ tiuj rimarkoj reĝustiĝos la naskopovo de la homaro per natura nutrado kaj trankvila socio. Aliflanke la grundo povas nutri la homojn pli efike ol nun. La bredado nutras dekoble malpli ol la terkulturo sur la sama grundo.La alkohola fermentado de la fruktoj, la rafinado de sukero, tritika faruno ktp. estas gravaj malŝparoj. Per logika ŝparo kaj "biologia kulturo" (klasigota ĉi malsupre) du- aŭ tri-dek aroj da grundo nutras unu homon. Plie tiu metodo efike limigos la erozion, kiu ĉiujare detruas tri milionojn da hektaroj da kulturebla grundo.

Nun mi grandtrajte prezentos kiel M. Remy konceptas la"biologian kulturon". Ĝi havas plenan efikon nur en la kadro de ĝenerala reorganizo )interalie rearbarigo de la landoj), sed ĝi jam povas tre utili ĉar ĝi liveras plantojn je pli bona kvanto kaj ĉefe kvalito. La plej grava principo estas laŭeble plej respekti la humon, tiun vivantan supraĵon de la grundo. Oni ne renversu ĝin per plugilo, sed nur skrapu per espilo, sarkilo aŭ similaj aparatoj. Por plibonigi ĝin plene fermetintan stalsterkon,mulĉon (humo devenanta el el putranta nuksaĵo de organika forĵetaĵo aŭ nesolveblajn mineralojn). La solveblaj mineraloj disekvilibras la humon kaj la plantojn.Oni kulturi nur utilajn plantojn (fruktojn,nuksojn,legomojn, grenojn), ne la malutilajn (tabako pro sia taksejo, beto kiu elĉerpas la grundon).

La ĉeesto de parazitoj estas alia konsekvenco de la disekvilibro aŭ malsano de la plantoj. Ne necesas mortigi ilin, necesas restarigi ekvilibron per ĝusta kulturado. Tiel la tero estos agrabla produktejo.

La homaro devas elekti inter racia solvo de la problemo aŭ malsato, kondukas ĝin al suferegoj kaj militaj detruegoj. La solvo estas interne ligita kun terkulturo, naturismo kaj vegetarismo. Nia civilizo harminiiĝas kun la naturo aŭ steriliĝos ĝin. Ni ne forgesu ke ekzistas antaŭaj civilizoj .... iliajn restaĵojn oni trovas en dezertoj.

A. Andriu

## Ĉu la homo rajtas manĝi viandon?

de Magnus Ŝvantje.

Mi konatiĝis kun la aŭtoro en 1918 en Berlino, kiam li eldonis la revuon "Radikale Ethik" kaj mi aperigis la libreton "Mensch und Tier". La artikolo estas malgrandigita laŭ "Vegetarisches Universum" de marto 1955.
N.B.Ĥ.

Kiu deziras eviti maljustecon en sia vivo, devas sin nutri sen viando pro jenaj motivoj:

1) La produktado de viando estas neebla sen teruraj turmentadoj de bestoj, kiuj okazigas ne por gardi la vivon kaj sanon de la homoj, sed nur por ĝuavido kaj oportuneco. Ĉar estas jam pruvita, ke vegetara nutrado povas adoptiĝi al ĉiuj korpaj kaj spiritaj laborkapabloj de la homo, kaj neniel malutilas lian sanecon. Malgraŭ ĉiuj pliboniĝoj de bestbredado kaj buĉado enkondukitaj de la best-protektantoj, ne eblas eviti ĉiujn kruelaĵojn. Same neeviteble estas la bestoturmenta ĉe la ĉasado kaj fiŝkaptado.

2) Nenio malhelpas al la homo kompreni la animon de la bestoj, kiel la kutimo de viandmanĝo. La viandmanĝantoj fermas siajn okulojn por ne ekkoni la altajn animkvalitojn de la bestoj, precipe iliajn suferkapablecojn. Kiu ne komprenas la animon kaj psikologion de la bestoj, mankas unu de la profundaj ĝojoj pri la mirindaj naturaperaĵoj.

3) Ĉar la kutimo de viandmanĝado estas la ĉefa kaŭzo de la best-indigno kaj best-turmentado helpas ĉiu viandmanĝanto al sennombraj kruelaĵoj okazitaj al la bestoj por aliaj celoj, kiel vivisekcio ktp.

4) La viandmanĝantoj kulpas je la socia maljusteco, ĉar ili per sia nutradmaniero devigas homojn sin dediĉi al la buĉadfako. Tiuj, kiuj asertas, ke ili ne povus manĝi viandon, se ili mem devus buĉi la bestojn, okulfrape kondamnas siajn viandmanĝo-kutimojn, ĉar ĝi estas same abomena kiel malpravigita kiel la buĉado mem.

5) Ne nur la buĉistoj, sed preskaŭ ĉiuj aliaj homoj estas de viandmanĝado malnoble influitaj je iliaj animaj kvalitoj, ĉar la maljusteco kontraŭ la bestoj kaŭzas similan maljustecon al la homoj. Vegetara homaro pli facile sukcesos forigi la socian mizeron kaj krei justan socian ordon.

6) La publika ekspozo de sangaj, senhaŭtigitaj, senintestaj bestkadavroj kaj la kutimo manĝi kadavraĵojn kontraŭas al ĉiu homa estetika sento. Tial kulpas ĉiu viandmanĝanto je la malnobligo de la estetika sento, kiu influas ankaŭ la moralan senton.

7) Ĉar la viandmanĝado kaŭzas multajn malsanojn, kiuj ordinare malfavore influas la bonstaton de aliaj homoj. Tial devas ĉiu homo, por gardi sian sanon kaj ne malutili aliulojn, sin nutri vegetare.

8) Ĉar viandmanĝado estas la ĉefa kaŭzo de la alkoholismo, tial estas ĉiu viandano kulpa je la mizero okazita de alkohola ĝuado.

9) Ĉar la viandmanĝado kontraŭas la abomenon ne nur de bestmortigado sed ankaŭ de homekstermado en militoj, tial malhelpas la viandanoj la forigon de la militoj kaj ĉiuj por ili okazitaj mizeroj.

10) La viandanoj kulpas ankaŭ la ekonomian mizeron, okazitan por nesufiĉa utiligo de tereno por frukt- kaj legomplantadoj, ĉar la bestbredado okupas la pli grandan parton de la terenoj kaj malhelpas la intensivan terkulturadon.

Sumiĝo: Neniu alia nuntempa movado batalas pli multe kontraŭ la sennombraj kaj senutilaj suferadojn, neniu movado influas pli favore la moralajn, homajn sentojn kaj neniu movado ampleksas tiel multflankajn reformojn kiel la vegetara movado.

Rene Amable, 4 Chemin des Camps de W. Lobe, Troyer, Aube, Francio.

"Jam de pli ol du jaroj mi nur mangas vegetarane kaj bonfartas; por saniĝi mi ne bezonas la varaĉojn de apotekistoj ktp. Tamen oni primokas min kaj kredas, ke oni ne povas sate manĝi sen viando (sen kadavro kaj vino). En la tielnomitaj civilizaj landoj la nutraĵoj estas pli kaj pli kontraŭ - naturo.

Nun karaj gekamaradoj, jen grava demando, kiu ofte tiklas min en vegetaraj medioj. Malgraŭ la mirindeco de la naturo mi ne kredas je dio. Ĉu nekredanta liberpensulo, laiko, ankaŭ rajtas esti vegetarano?"

--oo--

Mi kredas, ke via demando trovas respondon en la supra artikolo. Se la homo ne rajtas manĝi viandon, li certe rajtas esti vegetarano, sen diferenco de lia vivkoncepto.

N.B.A.

KELKAJ VORTOJ AL LA SIMPATIANTOJ DE VEGETARISMO.

Estas en la homa esenco ke kiam iu homo havas ideon, kiun li kredas utila, li sentas la inklinon konvinki ankaŭ aliajn personojn pri ĝia vereco kaj boneco.

Li do komunikas siajn opiniojn al siaj amikoj kaj konatuloj aŭ eĉ propagandas ilin en pli vastaj sferoj. Ne gravas ĉu tiuj konvinkoj havas politikan, sciencan, religian aŭ iun ajn alian karakteron; iliaj adeptoj zorgos por komuniki siajn konvinkojn al aliaj personoj. Same faras ankaŭ pli aŭ malpli la vegetaranoj. Kelkaj estas tre favoraj kaj entuziasmaj propagandistoj - ĉefe la novaj vegetaranoj - dum aliaj estas skeptikuloj, ne esperante grandan sukceson de sia propagando. Tamen ni devas propagandi niajn idealojn; ni tion ŝuldas al la homaro, ĉar se ni malesperas pro ne granda sukceso, tiam niaj konvinkoj progresemaj perdiĝos por la sekvontaj generacioj, kaj ĉar niaj vegetaraj konvinkoj havas eĉ gravegan signifon por la morala kaj etika evoluo de la homaro.

Se en pasintaj tempoj ne estus luktintaj, kuraĝaj kaj sindonemaj pioneroj, ankoraŭ ekzistus tiu hontinda institucio, kiu en la homa historio konkeris malĝojan famon sub la nomo de "SANKTA INKVIZICIO", kaj same ankoraŭ ekzistus la sklaveco de la nigruloj, kiel ankaŭ alvenos tago, kiam oni forigos la stupidajn kaj krimajn militojn inter la nacioj. Sed por la forigo de ĉiu malbono en la mondo, kiel same por la enkonduko de novaj, pli sanaj, justaj kaj homindaj principoj, leĝoj kaj kutimoj, nepre necesas senĉesa nelacigebla propagando; necesas konvinki la vastajn amasojn de la homaro.



La efikon de tiu-ĉi propagando komprenéble oni ne tuj vidas, kaj eĉ ŝajnas ke oni semis en la dezerton. Tamen iom post iom la novaj ideoj gajnas terenon. Ĉiam kiam oni prezentas al la homoj novajn ideojn, ili montriĝas preskaŭ malamike, konsiderante la propagandiston de tiu ideo kiel strangan fanatikulon aŭ frenezan ekstremiston. Nur ripetante ĉiam denove la respektivajn ideojn, finfine oni komencas kompreniĝi ilin, oni fiksas sian ideon en ili, kaj la plej spiritmaturaj fine akceptos ĝin. La plej granda parto el la vegetaranoj havis la samajn antaŭjuĝojn koncerne vegetarismo kiel aliuloj antaŭ ol akcepti kaj praktiki ĝin. La homo ja estas nekredeble rutina, nepripensanta estaĵo, kiu blinde akceptas kiel nediskuteblan veron, la instruojn kiujn li ricevis en sia infaneco de siaj gepatroj, instruistoj, pastroj ktp. Poste, kiam li estas plenkreska homo, li fieras pro sia bon-edukiteco, sia "scio" konsiderante veraj nur tiujn principojn, kiujn oni trudis al li en sia infaneco. Kiel alie eblus ke kleruloj eĉ scienculoj ne povas alveni al komuna, unuanima interkonsento pri la respektivaj problemoj? Estas homoj, kiuj estas veraj vivantaj leksikonoj, kaj tamen ili ne estas pli ol aŭtomatoj, kiuj nur havas la kapablon reteni en sia cerbo grandegan kvanton de homaj konoj, sed al kiuj mankas ofte la plej elementa esenco de tiu admirinda, preskaŭ, mi dirus dia kapablo, kiun oni nomas simple la homa inteligento, nome, kritika spirito.

La homa inteligento manifestiĝas en multaj sencoj, kaj estas homoj, kiuj treege elstaras super aliuloj en certaj branĉoj kaj tamen havas nenian kapablon por aliaj branĉoj de la homa scio. Oni povus kompari la homan inteligenton kun trunke de arbo, el kiu staras pli aŭ malpli la branĉoj. Kelkaj tre alten elstaras, dum aliaj restas en atrofia stato. La vera esenco de la homa inteligento estas do la trunko, kaj la speciala scio la branĉoj. La trunko, la denaska, nekulturita inteligento estas la kritika spirito, la kapablo observi, kompari, analizi aĵojn, faktojn kaj teoriojn, ne lasante influi sian juĝon per opinio de aliuloj.

Do, simpatiantoj de vegetarismo, liberigu vin de

ĉiuj tradiciaj antaŭjuĝoj,studu kaj analizu la vegetarajn teoriojn, faru provon kun vegetara dieto, kaj mi estas konvinkita, ke la plej granda parto el vi venos al nia kampo definitive,ĉar vi nur povas gajni, nenion perdi. Rompu kuraĝe kun viaj ĝisnunaj manĝ- kaj vivkutimoj kaj formu parton de la honorinda vegetara armeo!

C. Belzer, (Caracas, Venezuelo)

## PRI SOCIAJ PROBLEMOJ!

Responde al S-ro I.Dorion pri sociaj problemoj, mi ne kredas,sed fakte konstatas, ke la vendado de produktaĵoj tro abundaj ne plu donas monprofiton. Ju varo malpli rara, des malpli alta ĝia prezo. La aero, kiun ni spiras estas abundega kaj nenion valoras, kvankam ĝi estas ankoraŭ pli necesa al la vivo ol la manĝaĵoj. Pro tio la tro abunda varo estas detruita aŭ ĝia produktado bremsita por savi la eblecon de profito. Ĉar la finanskapitalista sistemo estas bazita sur la profito,tiu sistemo kiu vivas nur en ekonomio de rareco de varoj t.e. pro mizero. Tion bildigas la malfaciloj, kiujn renkontas la franca registaro por efektivigo de "Nacia Kaso por la Maljunuloj".

La kapitalista sistemo helpis la teknikon, kaj nun la tekniko kun la aŭtomatigado kondamnas ĝin. Ĝi estas tro mallarĝa kadro por enteni la eblecon de la scienco kaj pro tio diskrakas per militoj, revolucioj. ekonomiaj krizoj; la estraro de multaj landoj ne plu povas bridi ĝin kaj la deficito de la naciaj budĝetoj pli kaj pli ampleksiĝas (en Francio jam ĝi sumiĝas je 5.000 miliardoj frankoj!"

La ekonomiaj krizoj afektas principe la landojn tute moderne ekipitajn, kie samtempe kreskas la abunda produktado kaj la manko de laboroficoj.

BELLAMYa projekto kaj "DISDONA EKONOMIO", logika sekvo de kapitalismo, tute ne postulas por siaj efektivigoj grandan revolucion. Male, ekonomiaj krizoj, strikoj, revolucioj okazas pro tio, ke la homoj ne establas justan socion, oni ne konfuzu.

Financkapitalista sistemo submetas la produktadon al la financo spite al la produktkapablo.Disdona ekonomio igas la financon aŭ la krediton je la servo de la produktado laŭ la teknikaj eblecoj. Tiun principon enkondukis en sian programon la Provinca Liberala Partio en MONTREAL (Kanadio) laŭ sekvanta rezolucio: "La Provinca Liberala Partio konsideras, ke ĉio, kiu estas fizike plenumebla en la Provinco devas esti finance eble laŭ la bezonoj de la loĝantaro, urbestraroj, lernejaj komisionoj kaj aliaj publikaj korporacioj de tiu Provinco. Konsekvence, tuj kiam estos liberala estraro en Kebek (Quebec), tiu agos trafe al tiu celo".



Rilate la sistemo de POPPER LINKEUS,mi estus ĝoja se iu lando enkondukus ĝin en siajn leĝojn pro tio, ke ĝi estas la unua paŝo al disdona ekonomio kaj al ekonomia egaleco.

KOTRO (H. Cottereau)
(sekretario de Belami-abundo frakcio en S.A.T.)

-------------

## La kulturitaj plantoj.

Kiam oni komencis manĝi nekuiritajn legomojn,tiam ni serĉas bongustajn legomojn.Ekz. terpomoj estas nur manĝeblaj krudaj, se ili estas biologie kulturitaj. En la arbaro la naturo mem prizorgas la nutraĵon de la planta-tero,ĉar la senfoliiĝo de la arboj nutras la teron helpe de lumbrikoj, kiuj transformas la velkajn foliojn al humo, al mikro-organismo. Ĉi tie la cirkulado estas perfekta. En la ĝardenoj kaj sur la kampoj, kie la homoj kulturas plantojn, ili donas al la tero artefaritan sterkon, sed tio estas tute nenatura nutraĵo. Ĝi ne enhavas vivantajn bakteriojn, ĝia ĥemia substanco ne povas vivigi la plantan teron per novaj bakterioj, kiuj ne ekzistas.Se plantoj kreskas en nenatura planta tero,pro tio ili fariĝas malsanaj, kaj diversaj parazitoj atakas ilin, ĉar mankas al ili rezistkapablo, ili ne povas esti sanaj en si mem. Tio estas tragedio, kiu havas fatalajn konsekvencojn por la homoj.

Kompreneble la homoj ne komprenas tion, ĉar ili nenion legas pri tio en la ordinara gazetaro. En nia socio ĉio estas komercaĵoj, oni ne faras al si skrupulojn pri la valoro de la nutraĵo, oni nur spekulacias en kvanto, ne en kvalito de la nutraĵo, kaj la homoj

rezignas pro nesciado. Se la homoj devas simili la naturon kaj redoni al la planta-tero nutraĵon kiel rekompenco por siaj rikoltoj,ili devas fari sterk-miksaĵon. En diversaj landoj certe estas trovebla literaturo pri tiu demando;Kiel fari sterkmiksaĵon? La terkulturistoj kiuj komprenas kulturi plantojn laŭ tiu biologia metodo ankaŭ bezonas trovi aĉetantojn al siaj specialaj produktoj,prefere homoj,kiuj manĝas nekuiritajn legomojn kaj fruktojn,ĉar tio certe estas vera vegetarismo.

Betty Larsen

## KUNMETO DE NUTRAĴO.

Ĵus aperis en franca lingvo libro pri tiu temo,kiu estas revolucie rilate al la movado en tiu lando. Ĝi estas traduko de verko de D-ro H.M.Shelton higienisto el Usono,titolita "Food combining made easy",kaj en la franca lingvo "La sante par les combinaisons alimentaires".Kelkaj francaj skoloj de naturismo jam interesiĝis pri tiu problemo: ili ne samopinias,kaj ne havas sistemajn regulojn.La "Patro" de la fama naturismo, D-ro P.Carton male asertas, ke en ĉiu manĝo devas esti ĉiuj klasoj de nutraĵoj. Estas interese se ni povus per ĉi tiu revuo ricevi informojn pri tiu afero en aliaj landoj.

Mi ne povas ĉi tie detale klarigi la teorion de D-ro Shelton, kvankam ĝi estas relative simpla. Mi nur indikos la tipan menuon kiu akordas kun ĝi.

Matenmanĝo: Ĝi konsistas el fruktoj (ĉ.1/2 kg).La fruktoj devas esti manĝataj solaj, ĉar ilia digestado estas tute speciala. Oni ne miksu la dolĉajn kun la acidaj.

Tagmanĝo: Verdaj legomoj grandparte krudaj el 3 specoj, laŭplaĉe pligustigitaj per oleo aŭ butero,nepre ne per acido, kiu ne akordas kun amelaĵo.Unu amela nutraĵo: jen terpomoj, jen terpiroj, jen kaŝtanoj, jen tritiko, jen pano, jen rizo ktp.

Vespermanĝo: Verdaj legomoj.Unu proteina nutraĵo; jen nuksoj (avelo,juglando,migdalo,kokoso,pinio,pistako,arakido ktp.) jen fromaĝo, jen ovoj,jen viando por eventualaj nevegetaranoj).La salato ne bezonas iun pligustigon,nek la legomoj,kiuj ne devas esti amelaj, ĉar amelaĵo ne akordas kun proteinaĵo.

A. Andriu



## MEMORO PRI WANDA ZAMENHOF.

Okaze ŝia morto en Varsovio, aŭgusto 1954.

Sur la lasta paĝo estas presita faksimilo de poŝtkarto sendita al mi 12-an de aŭgusto 1947,post la universala Esperanto-Kongreso en Berno, de ŝia parenco D-ro M.Levite, hebrelingve kun ŝia propramana saluto esperantlingve.

La patrino de D-ro Levite kaj la edzino de D-ro Zamenhof, ambaŭ naskitaj Silbernik, estis fratinoj. Kvankam D-ro Levite ne scipovis Esperanton, li donacis monon por nia movado kaj skribis hebrelingve pri D-ro Zamenhof, kies tradukon mi aperigis 1944 en nia Interna bulteno. Liajn memorojn pri sia avo Aleksander Silbernik, bopatro de D-ro Zamenhof, mi publigis 1946 kun foto en "La Familia Rondo" kaj en la revuo de I.E.L. Same aperis mia traduko de memoraĵoj de D-ro Levite pri Josef Silbernik, bofrato de D-ro Zamenhof, kiu estis la unua delegito de U.E.A. en Novjorko.

Kiel agronomo kaj posedanto de granda bieno en Bath-Slomo, intencis D-ro Levite alvenigi Izraelon Wanda Zamenhof kun Ludoviko, tiam lernanto de la Politekniko en Varsovio. Por tiu ĉi celo li vojaĝis 1947 al Berno. Sed laŭ hebrea enhavo de la poŝtkarto, havis Wanda tiurilate skrupulojn.

N.B. Ĥavkin

----------

## -o- N I A P O Ŝ T O -o-

I. KRESTANOFF. Mi havigas al vi francajn kaj esperantajn librojn pri Natura Higieno. Mi klopodos por organizi kuracan rubrikon en nia revuo, por doni higienismajn konsilojn al la legantoj,kiuj havas zorgojn pri sia sano.

S.I. BAKAROV. Mi tre ĝojas rilati kun via 30-jara vegetarana kooperativo parte Esperantista. Estas bedaŭrinde ke en Bulgario ne plu ekzistas vegetaranaj gazetoj. Dank'al Esperanto vi havos rilatojn kun la tutmonda vegetara movado. Vi kotizos kiam vi povos; pli gravas ke vi tuj kunlaboru en nia komunumo per artikoloj k.s.

D.Mac Gill, Wyndham Road, Pinehaven, Heretaunga, Nov-Zelando.

Por kompletigi vian artikolon, eble vi povus sendi bibliografion pri la esperanta Budhana literaturo, por ke niaj legantoj povu facile akiri la librojn, kiujn vi aludas.

Via filmstrio por propagandi Esperanton ĉe anglalingvanoj eble interesos iujn el niaj legantoj. Mi deziras al vi sukceson en la muntado de la strio vegetarisma. Vi informu nin tuj,kiam ĝi estos preta, por ke niaj legantoj povu tuj uzi ĝin.

----------

## L A T E S T A M E N T O.

"Mia avo estis notario" rakontis s-ro R."Li estis notario en malgranda vilaĝo.En la proksimo de tiu vilaĝo staris granda kastelo. Tie loĝis maljuna, aristokrata fraŭlino kun sia kuzino,sia hundo,kaj ...... sepcent-mil guldenoj. Post ŝia morto ŝia kuzino heredus la monon".

Mia avo sciis tion,ĉar li redaktis la testamenton; la vilaĝo sciis tion, ĉar oni povis ĉiutage vidi kiel pacience tiu kuzino flegas kaj veturigas la malbonhumoran,maljunan virinon,kaj ankaŭ la kuzino sciis tion,kiam ŝi ĉiam denove kun bone ludita amo karesis tiun malviglan,malbone odorantan hundon, nur pro tio, ke ŝia kuzino tiel amegis ĝin.

Iuvespere,je la deka,servistino de la kastelo petis mian avon tuj veni kun sia skribisto.Li atendis la longe atenditan mortliton,sed kiam li eniris la salonon de la kastelo, la maljuna fraŭlino sidis rekte en sia seĝo,evidente vivanta.La testamento devis esti ŝanĝata.Ĉio estis destinita por bonfara societo. "Kaj via kuzino"? demandis la notario,pensante pri tiuj multaj jaroj de malavara helpo. Tiam la maljuna virino diris kan akraj okuletoj: "Mia kuzino eliris ĉi-vespere. Ŝi opiniis,ke mi estas dormanta,sed mi bone vidis, antaŭ ol foriri,ŝi donis piedbaton al Bello.

Tiu bato kostis sepcent-mil guldenojn.

Nu, vi vidas ankoraŭfoje kiel malbone estas dolorigi hundeton.

KRONKEL EN "HET PAROOL"
Trad. J. Rooker



## Recenzoj de A. Andriu.

Johano Pignero - Propono de Deklaracio por la Protekto de la Homa Digno. Dua eldono.Broŝuro presita, 16-paĝa,17cm.havebla kontraŭ 1 resp.kup. ĉe la aŭtoro, mondcivitano, Crisency, par Guignes-Rabutin (Seine et Marne) Francio; en la lingvoj esperanta,franca,itala kaj hispana. La enhavo de tiu dokumento,kiel ankaŭ de la sekvonta,kvankam ĝi ne rilatas al la ĝenerala temo de nia revuo,sufiĉe akordas kun nia celo por ke mi rekomendu ĝin al niaj amikoj.

Ŝajne pro troa egoismo de la homo, la evoluo kompense kondukis nian civilizacion al stadio, kie la socio pli kaj pli subpremas la individuon.Estas bone ke pioniroj kiel J.Pignero reagas por "defendi la individuojn en iliaj rilatoj kun la socio".Necesas internaciaj kontraktoj pri homaj rajtoj,aplikeblaj ankaŭ dum la militoj. Oni praktike rekonu la Mondcivitanecon. Por savi la homan dignon,ne nur la socio, sed ankaŭ la individuo havas devojn, kiujn li ne forgesu precipe dum la militoj. Fine Pignero petas aliĝon kaj kunagadon en grupoj de Universala Agado por la respekto de la homa digno. Tiu Deklaracio estus bonega paŝo,sed tro bona en la nuna situacio. Ĝi rekte kondukas al la politika unuiĝo de la mondo.La potenculoj ne tuj toleros tion,kaj la amasoj de sufiĉe konscias pri sia forto por ĝin trudi. Tamen necesas kunlabori en tiu direkto; ĝi estas la ĝusta vojo,kvankam ankoraŭ tro embarasita; ĉiu paŝeto utilos al la homa Digno. Tiu idealo estos realigebla, kiam ĉiu individuo kapablos gajni sian dignon.Ne sufiĉas leĝoj, necesas ankaŭ individua evoluo.Zorgante pri precipe la dua punkto de "Vegetarano" ni prezentu amikecan manon al la batalantoj de la unua.

2-e. Johano Pignero. Propono por la respekto de la Digno de la Militkaptitoj. Senpage havebla ĉe la aŭtoro.

Se ni ankoraŭ ne sentas nin kapablaj tute forigi la militon, ni almenaŭ klopodu por mildigi ĝin. Tion faras Pignero, kiu en 11 artikoloj sur 3 hektografitaj

paĝoj proponas modifon de la Ĝeneva Konvencio de 194[illegible] rilatante la traktadon de la militkaptitoj. La aplik[illegible] de tiu propono, krom diversaj avantaĝoj rilataj al s[illegible] kureco, rehejmigo, leteroj,familio,loĝejo,laboroj, sankcio, apelo tre efike evitus la tendencon al kvaz[illegible] sklavigo de la militkaptitoj en la malamika regno,ĉa[illegible] respondecus pri ili protekta regno, kiu mem zorgus pri ili, aŭ delegus tiun taskon al internacia homama[illegible] organizo.

Tiu propono akompanata de pleniĝota aliĝilo,meritas vastan diskonigon kaj multnombrajn aprobojn kaj subtenojn.

---------

<u>LA OBSKURA ZAMENHOF-FONDO</u> (vidu paĝo 13 de la lasta revuo) La peranto de U.E.A. en Izraelo,s-ano B.Swarsensky skribis al s-ano Gustav Hirsch, Naharia, jenajn vortojn de s-ro C.C. Goldsmith pri la ĝusta kaŭzo de netransdono al mi la lo dolarojn senditajn al U.E.A. 31.3.1952 per s-ano Dodge por monumento je D-ro Zamenhof en Jerusalem:

"U.E.A. ne akceptis la monon de s-ro Dodge pro la obskureco de la Zamenhof-Fondo kaj sciigis pri tio la donacinton, kiu nuligis sian donacon al la Fondo kaj donacis tiujn samajn lo dolarojn al U.E.A."

S-ro Goldsmith bone scias mian oferplenan konstantan laboron por disvastigo de Esperanto en nia lando. Verŝajne li ankaŭ legis mian artikolon en la "La Praktiko" de marto-aprilo 195o kun la bildo de la unua Esperanto-Kongreso en Jerusalem 1925, kiun mi prezidis kiel la unua esperanta delegito de UEA tie ĉi ekde 1922 ĝis hodiaŭ. Pri la financa stato de Zamenhof-Fondo atestas la bilanco 1956.

Tial mi postulas de s-ro C.C.Goldsmith ke li donacu al Zamenhof-Fondo la trioblan sumon de la forrabitaj dek dolaroj. Se li tion ne faros, mi akuzos lin pro konscia kalumnio de mia personeco kaj postulos de li pli grandan sumon kiel rekompenco

N.B. Ĥavkin

-----------

# Memoro pri Wanda Zamenhof

(vidu la artikolon alialoke en la revuo)

Bern, 12 VIII 47

ידידי הנכבד והיקר, מר חבקין.

אכן מאליו שאת הליגה לקונגרס בפריז לא קבלתי
ורק שלשום עלה בידי להגיע לברן. התקשרתי תיכף
טלגרפית וטלפונית עם ונדה זמנהוף והודעתי לה
הפגישה עוד יצאה אל הפועל. כאן קבלו אותה בקבלות
גדולה מאד והיא עוזבת מחר את שוויץ במצב רוח טוב.
בדבר עליתה ארצה עם בנה יש לה קצת פקפוקים, אבל
הדבר יכול להסתדר. הבן גומר את לימודיו בעוד 1½ שנה
ועד הזמן ההוא יש לעשות כל הפעולות לשם העברתם לא"י:
רשיון כניסה ודירה.
ספרתי לה על הא' חבקין, שלוח האספרנטו בא"י והיא
נתרשמה מזה מאד. אני משאיר לה קצת מקום לשם
כתיבת דרישת שלום. כל טוב לך ולבת' שלך בברכות ידידות
ד"ר ו. לויטה.

Estimata samideanino! Mi multe
dankas pri vi de mia koro. Dr. M.
Levité kaj estas feliĉa pro salut[illegible]
nu. La belaj tagoj de la kongreso jam
estas for, sed nun mi tre ĝojas
ke mi troviĝas inter miaj kel[illegible]
samideanaj parencoj. Mi deziras al vi
ĉion bonan. Dr. Wanda Zamenhof

FOLKEBLADETS BOGTRYKKERI
FARUM-TELEFON 943